# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 399

Redakto-skipo
Direktado kaj kompostado: Ángel Arquillos López
Revizio: Jesús García Cano, Alejandro Pareja
Retadreso de la bulteno: bulteno@esperanto.es


**Hispana Esperanto Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Bankokonto BBVA: 0182-1252-31-020401-961

Telefono: (34) 914468079 (bv. Lasi mesaĝon en la aŭtomata respondilo)
Poŝtelefono: 638-547-104



Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza
DL: M-39811-2012

# Salutvortoj

Saluto el la Prezidanto de HEJS

Saluton al vi ĉiuj: en ĉi tiu eldonaĵo de Boletín kiun vi havas enmane, mi ŝatus min enkonduki al vi, karaj gelegantoj.
Mi estas Jesús García Cano, de multaj konata kiel Chus. Mi naskiĝis en Martorell (Barcelono) kaj loĝas en la Manĉa Novjorko (kiel Azorín skribis): Albaceto.
Mi eklernis Esperanton en septembro de 2003 kaj, ekde tiam, mi anas en Kataluna Esperanto - Asocio (KEA) kaj en Hispana Esperanto - Federacio (HEF) kaj, ĉar mi estas pli juna ol 30 jaroj dummomente, ankaŭ en KEJ kaj HEJS. Post la lasta Hispana Kongreso en Almagro, mi iĝis prezidanto de HEJS. Ankaŭ, dum miaj malmultaj liberaj momentoj, mi helpas korektigi Boletín-on.
Nome de HEJS, mi volas inviti vin al la venonta Iberia Renkontiĝo kiu, en 2013, okazos en Madrido, inter la 15a kaj 17a de marto. Vi jam povas peti informon pri aliĝado poŝtumante al IRoMadrido2013@ gmail.com. Ankaŭ HEJS kun helpo de aliaj lokaj asocioj laboradas por faciligi, ke la novaj junaj geesperantistoj kiuj iomete eklernas la lingvon sed kiuj ne praktikas ĝin pro nekono de aliuloj: ni kreis forum-grupo en Googlegroups per kiu oni povos komuniki retmesaĝe al aliaj junuloj en la tuta lando sen serĉadi tra ĉiuj sociaj retoj homojn kiuj ne ĉiam skribas la vorton "Esperanto" en ilia profilteksto.
La grupon oni povas viziti tra http://groups.google.com/group/ Hxovenzuelos ni ankaŭ invitas vin aliĝi kaj ĝui la etoson.
Nu, nun mi esperas, ke vi ĝuos ankaŭ **ĉi** tiun numeron de Boletín.
Ĝis la venonta numero!

# ENHAVO



## LASTA NEKROLOGA NOVAĴO

Kun granda bedaŭro ni devas anonci ke la domo,en kiu loĝis la konata Akademiano **François Simonnet**,brulis hieraŭ matene, kaj tio kaŭzis la morton de nia kara samideano. Ripozu pace.

**Francisko SIMONNET** (franclingve: François) naskiĝis la 10-an de Aŭgusto 1940-a.
Li lernis interalie en la Pariza Universitato (Sorbonne) precipe pli klasika filologio kaj ĝenerala lingvoscienco, en la Alta Lernejo pri Orientaj Lingvoj (École nationale des langues orientales vivantes) en Parizo pri la lingvoj hungara kaj pola, en la Lernejo pri Altaj Studoj (École des hautes études) pri ĝenerala lingvoscienco kaj pri latina filologio, iam poste en la Provenca Universitato en Aix-en-Provence pri lingvoscienco kaj ligitaj temoj, pri Esperanto kaj pri la lingvo pola, en la Budapeŝta Universitato je la nomo de Rolando Eötvös (ELTE) pri Esperanto kaj interlingvistiko.
Li instruis, krom en Francujo, en diverslandaj universitatoj (en Pollando, Israelo, Vjetnamujo, Rusujo, Egiptujo...), plej longe kiel profesoro pri gramatiko de la lingvo franca ĉe la Universitato Sajgona (nuntempe Hoĉimina) en 1971-1976.
Li kunlaboris en Nederlando en la plano por la sistemo por aŭtomata tradukado DLT.
Li estas asociita docento de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS San-Marino), kaj sekretario de la asocio LIBERO POR LA LINGVOJ. RETE

# Dokumentoj alvenintaj al la biblioteko dum 2011

**Dum la jaro 2011 eniris la bibliotekan katalogon sekvaj 103 dokumentoj:**

*Anonima donacinto*:
*A.B.C. d'Esperanto à l'usage de ceus qui aiment les lettres*. SAT-Amikaro, 1967
*Beletra almanako*. Mondial, 2007- (N. 1-12)
*Chave do esperanto*. Delegacio de P.E.A. en Porto, 1975
*Clave esperanto*. E. Ĉefeĉ
Szilágyi, Ferenc. *Curso práctico de esperanto*. The Esperanto Publishing Co.,1949
Léger, Roger. *Dictionnaire français-espéranto*. Éditions Françaises d'Espéranto, 1961
Witkam, A. P. M. *Distributed language translation*. BSO, 1983
Szilàgyi, Ferenc. *Ellernu!* Literatura Mondo, 1937
Waringhien, Gaston. *Eseoj. I, Beletro*. J. Régulo, 1956
Auld, William. *Esperanta antologio*. J. Régulo, 1958
*Esperanta lakto. 1, La verda lakto*. Internacia Cseh-Instituto.
*Esperanto giltza*.
Privat, Edmond. *Esprimo de sentoj en Esperanto*. Internacia Esperanto-Instituto, 1957
*Etnismo. N. 22, 10.10.79*. Uwe Joachim Moritz, 1979
Kalocsay, Kàlmàn. *Ezopa saĝo*. Koko, 1956
Privat, Edmond. *Federala sperto*. Universala Ligo, 1958
Zamenhof, Ludwik L. *Fundamenta krestomatio de la lingvo Esperanto*. Universala Esperanto-Asocio, 1992
Stoker, H. S. *Generala, organika kaj biologia kemio*. Esperanto-Societo de Ĉikago, 1988
*Gran enciclopedia gallega. 158*. Silverio Cañada
Ashvinikumar. *Hilbert spaces in intuitionism = Hilbertaj spacoj en intuiciismo*. 1966
Drezen, E. *Historio de la mondolingvo*. Pirato, 1967
Meendiño. *Homenaxe a Meendiño*. Colexio Universitario de Vigo, 1982
Gode, Alexander. *Interlingua*. Frederick Ungar Publishing, 1971
Gold, Michael. *Judoj sen mono*. Libroservo Federacio de Laboristaj Esperantistoj, [ca. 1938]
Cabell, James Branch. *Jurgen*. Sezonoj, 2001
Mimó, L. *Kompleta lernolibro de regula Esperanto*. L. Mimó Espinalt, 1973
Rossetti, Cezaro. *Kredu min, sinjorino!* Heroldo de Esperanto, 1950
*L'Esperanto en 24 pàgines*. Cercle espérantiste de l`Agenais "Laŭte", 1985
Omelka, F. *La Alaska stafeto kaj Kaptito de la glacirokoj*. The Esperanto Publishing Co., 1952
Tuma, Miroslav. *La fundamentaj konsideroj de la scienco pri la varmo*. Česky Esperant**.** Svaz, 1972
Glasstone, Samuel. *La fundamentoj de elektrokemio kaj elektrodeponado*. Interparl, 1968

Kalocsay, Kàlmàn. *La gramatika karaktero de la esperantaj radikoj*. Literatura Mondo, 1938
Doi, Ĉieko. *La granda tertremo en la orienta parto de Japanio kaj vivo poste*. Jokohama Esperanto-Rondo, 2011
Kanzi, Itô. *La inkunabloj de Esperanto*. Ludovikito, 1979
Auld, William. *La internacia lingvo kiel belarta tradukilo* [Fotokopiita artikolo]
Herzl, Teodoro. *La Juda Ŝtato*. Literatura Mondo, 1934
Kalocsay, Kàlmàn. *La klasika metriko kaj Esperanto*. [Bindita fotokopiaro]
Camacho, Jorge. *La majstro kaj Martinelli*. Literatura Foino, 1993
Chesterton, Keith. *La naiveco de pastro Brown*. The Esperanto Publishing Co., 1937
Darwin, Charles. *La origino de specioj*. Flandra Esperanto-Ligo, 2009
Rikardo Ŝulco. *La sesa regulo*. Esperanto-Centro Paderborno, 1991
Ŝulco, Rikardo. *La vunda punkto*. Esperanto-Centro Paderborno, 1992
Schwartz, Raymond. *La ĝoja podio*. Esperantista Centra Librejo, 1949
Zamenhof, Ludwik L. *Lingvaj respondoj, konsiloj kaj opinioj pri Esperanto*. Esperantaj Francaj Eldonoj, 1962
Kanzi, Itô. *Ludovikologia dokumentaro. I, Unuaj libroj*. Ludovikito, 1991
Stoker, H. S. *Manlibro de solvoj por Generala, organika kaj biologia kemio*. Esperanto-Societo de Ĉikago, 1981
Gonin, Hervé. *Muzik-instrumentoj tra la tempo kaj la mondo*. Instrumonde, [ca. 1992]
Mimó, L. *Perfekteco de la esperantaj verboj*. Pres. E. Moreno Medrano, 1961
Gilbert, William. *Planlingvaj problemoj*. J. Régulo, 1962
Orr, W. F. *Pluredroj kaj plurĉeloj*. Someraj Universitataj Kursoj, 1976
Kajam, Omar. *Poemoj de Omar Kajam*. SAT, 1953
*Premier manuel de la langue auxiliaire esperanto*. Hachette, 1909
Ertl, István. *Provizore*. Bero, 2004
Kalocsay, Kàlmàn. *Rimportretoj*. Literatura Mondo, [ca. 1934]
Korĵenkov, Aleksander. *Rusa novelaro. Volumo 1, La 19a jarcento*. Sezonoj, 2003
Peneter, Peter. *Sekretaj sonetoj*. Hungara Esperanto-Asocio, 1989
*Statuto kaj regularo de Universala Esperanto-Asocio*. Universala Esperanto-Asocio, [1956?]
Baghy, Julio. *Sur sanga tero*. Szalay, 1933
*Sveda antologio. Unua parto. Vol. 1*. Eldona Societo Esperanto, 1934
*Svisa antologio*. Literatura Mondo, 1939
*Terminaro por infan-ludoj*. Esperanto Press, 1960
Pinto, Itamar Alves. *Teta, transformacio (aŭ teorio) de la spaco kaj la tempo absolutaj*. I. Alves Pinto, [ca. 1990]
*Universala deklaracio de homaj rajtoj*. Universala Esperanto-Asocio, 1968
Szerdahelyi, István. *Vorto kaj vortelemento en Esperanto*. Sub la aŭspicio de Kultura Centro Esperantista eldonas Librofako de Literatura Foiro, 1976
Donacinto: *Beate Schneider*
*...El la kara infaneco*. "Laŭte!" Cercle espérantiste de l'Agenais, 1983
*12 Abende Fortbildung in der Weltverkehrssprache Esperanto*. Heroldo de Esperanto, 1932

Göhl, Gustav Hermann. *Lehr- und Nachschlagebuch für Fortgeschrittene*. Friedrich Ellersiek, 1932
Franquin, André. *Gastono 1*. Espéranto-Jeunes, 1997
Krause, Erich-Dieter. *Großes Wörterbuch Esperanto-Deutsch*. Helmut Buske, 1999
Pettyn, Andrzej. *Humuro laŭ la skota maniero*. Flandra Esperanto-Ligo, 1995
Le' Psiko. *Hunda vivo kaj aliaj satiroj*. Urba estraro Leipzig de GDREA en Kulturligo de GDR, 1987
Fiedler, Sabine. *Ilustrita frazeologio*. Kava-Pech, 2004
Shorter-Eyck, Johanna. *Internacia kuirlibro*. Brita Esperantista Asocio, [ca. 1970]
Becker-Meisberger, Maria. *Internacie kuiri*. Flandra Esperanto-Ligo, 2000
Chrdlová, Stanislava. *Kantoj por ĝojo*. Kava-Pech, 2003
Blanke, Detlev. *Konversationsbuch Deutsch-Esperanta = Konversacia libro germana-esperanta*. IEM, 1998
Dazun, Edmond. *Sin nutri en la naturo*. Amika Esperanto-Rondo Laŭte!, 1995
Velde, Lode Van. *Vortludoj*. Flandra Esperanto-Ligo, 2000
Okelmann, Franz. *Wörterbuch Deutsch-Esperanto*. Okelmann, 1996
Donacinto: *la eldoninto*
Macińska, Krystyna. *La papo Johano Paŭlo II en esperantaj publikaĵoj : bibliografio 1978-1986*. Fundacja Jana Pawla II, 1989
Macińska, Krystyna. *La papo Johano Paŭlo II en esperantaj publikaĵoj : bibliografio 1987-1991*. Fundacja Jana Pawla II, 1994
Macińska, Krystyna. *La papo Johano Paŭlo II en esperantaj publikaĵoj : bibliografio 1992-1996*. Fundacja Jana Pawla II, 1998
Ĉiba, Takaŝi. *Simboloj por restarigo de Jokohamo* [DVD]. Jokohama Esperanto-Rondo, 2011
Donacinto: *la aŭtoro*
Battig, Andrés. *Esperanto: ¿una cura para Babel?.* Deauno.com, 2010

Donacinto: *Pedro Hernández*
Čerkez, Vladimir. *Espanja Espanja*. Esperantsko društvo "Radomir Klajić" u Beogradu, 1986

Donacinto: *Manolo Parra*
Marco Botella, Antonio. *Esperanto en Katalunio*. Barcelona Esperanto-Centro, 2005

Donacinto: *Jorge Camacho*
*Guía MUSAC 17*. MUSAC, 2011




# Pri grupoj kaj asocioj

## Oliva (Valencio)

### OLIVA ESPERANTO-KLUB': NOVA ASOCIO, ĜIA STATO KAJ RIVELO

2011, tie ĉi tio estas pli morta ol viva. 2012, du esperantistoj en Olivo (Valencio). Post sep monatoj, nova Esperanto-asocio kun 20 membroj nun. Sekve, pri ĝia stato:

Estas –relative– facila por mi kreskigi la asocion (notinde, ni ankoraŭ ne reklamis tie ĉi), sed ekzistas problemo: pligrandigi ĝin iom pli, eble je 10 membroj, supozante ke ili ofte ĉeestus, estus vera sinmortigo, ĉar loka leĝo limigas nin, limigas Esperanton. Dirindas ke ni provis igi ŝanĝi t ian leĝon, sed sen bona rezulto. Sed pri kio temas? Pri malpermeso de neoficialaj asocioj povi uzi lokalon de la urbo-domo por siaj agoj. Jes, kiel oni iamaniere povus imagi, ni renkontiĝas en la domo de mia avo, sed la spaco mankas ĉiam. Kion ni povus fari? Provi oficialigi la asocion, sed tio daŭras pli ol necese.

Aparte sed rilate, Valencia Esperanto-Grupo proponis al ni aranĝi en Oliva la venontan Valencia Esperanto-Renkontiĝo en junio de la jaro 2013, sed… divenu, ni bezonas oficialecon por povi fari tion!


Castillo de Santa Ana Oliva (Valencia)

Jen parto de nia stato, kaj por scivoluloj, mi rivelos unu el la manieroj por povi fondi kaj kreskigi Esperanto-asocion: ne zorgu pri havo de multe da lernantoj, eĉ ne tro pri lernado de Esperanto, sed ja vere zorgu pri tio, ke en ĉiu renkontiĝo viaj lernantoj eliru el la klasejo kun rideto.

Enric Baltasar

## Kastil-Manĉo

Dum la tago de Esperanto, Esperantisma kastilManĉa Asocio (EMAs) planas lokan agadon ĉi jare en Albaceto. Ĝi estos omaĝeto al la ideo havi Universalan Neŭtralan lingvon kaj al tiuj, kiuj laboris por tio. La aranĝo okazos en placeto antaŭ la nom-ŝildo de strato Bonifacio Sotos Ochando (flanke de la Universitata Ĝenerala Malsanulejo kaj de ties fak-konstruaĵo por Esploro). Bonifacio Sotos Ochando (Casas Ibañez [Albaceto] 1785 ~ Munera [Albaceto] 1869) estis katolika pastro kiu ankaŭ estis gramatikisto, lingvistikisto kaj deputito. Li publikis en Parizo la "Proyecto y Ensayo de una Lengua Universal y Lógica" (Projekto kaj Provo pri Universala kaj Logika Lingvo) kaj en la kastilia lingvo kaj en la franca. Kompreneble, li ne postvivis por vidi realigitan projekton kiel Esperanto sed lia emo proksimigi la popolojn el la tuta mondo per komuna lingvo estas ja rimarkebla. La loka sekcio de EMAs en Albaceto estis nomata pro li: Esperanto Albacete - Bonifacio Sotos Ochando (EA - BSO).

Jesús García

## Kantabrio

Kantabra Esperanto-Asocio (KantEA) festos la Librotagon (Zamenhof-tagon) la 14an-de decembro en sia sidejo kaj la 15-an en la restoracio Rochí de Santander.
Kiel kutime, KantEA proponas al siaj membroj kaj simpatiantoj la partoprenon en la ŝtata kristnaska loterio, ĉi-okaze per la numero **17.637**. Danke al la mono ricevita pro la vendo de loteriaj biletoj la asocio povas apogi diversajn esperantajn kulturajn agadojn: Monato, Vinilkosmo, UEA, HEF, Beletra Almanako.
Daŭre okazas baza kurso en la sidejo de KantEA. Kaj ĉiuvendrede, la membroj kunvenas por praktiki la lingvon.

MZD

## Andaluzio

Nome de la organizantoj de la 17-a Andaluzia Kongreso de Esperanto, tio estas Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, estas granda plezuro sciigi al vi pri la definitiva programo de la renkontiĝo de la andaluzia esperantistaro kaj ankaŭ pri la kongresejo, kun la espero vidi al la tuta esperantistaro de Andaluzio en Granado la semajnfino de la 15-a kaj 16-a de decembro 2012.
Jen niaj ligiloj:**http://www.esperantoandalucia.com/**
http://andaluciaesperanto.blogspot.com.es/

AEU

# KRESKIGI LA NOMBRON DE HEF-ANOJ

Jam pretas la aliĝilo por fariĝi ano de Hispana Esperanto-Federacio dum la jaro 2013. Ĝi jam aperas en tiu ĉi numero, kaj ĉiu individua ano kaj asocia grupo povas utiligi ĝin por varbi aliajn esperantistojn kaj simpatiantojn.
Dum la lastaj jaroj la nombro de membroj de HEF kaj aliaj esperantistaj asocioj senhalte malkreskas, inter alie ĉar multaj inter la novaj parolantoj de la lingvo povas ricevi grandan parton de la avantaĝoj esti esperantistoj sen neceso aliĝi al kluboj kaj asocioj. Sed foje tio estas ankaŭ nia kulpo, ĉar ni simple forgesas aŭ eĉ hontas inviti ilin kunigi la fortojn por antaŭenigi nian lingvon.
La estraro pretigis tekston, en du versioj, hispane kaj esperante, por instigi simpatiantojn fariĝi membroj de HEF. Ĝi estas disponebla en la reto, kaj ni sendos ĝin al ĉiu klubo aŭ aktivulo kiu deziros konvinki siajn samideanojn ke meritas la penon esti parto de nia societo.
Ni ankaŭ ellaboris alian dokumenton kiu priskribas aliajn manierojn per kiuj anoj kaj simpatiantoj povas kunlabori kun HEF, ne nur membrante en ĝi.

## ĈU VI UZAS LA RETON?

Hispana Esperanto-Federacio deziras pligrandigi la agadon kaj la kontakton kun anoj kaj simpatiantoj, profitante la novajn teĥnologiojn de komunikado.
Vi certe jam konas la retejon de HEF http://www.esperanto.es, kie ni publikigas tre diversajn informojn pri Esperanto kaj pri nia asocio. Ni esperas ke baldaŭ eblos ankaŭ aniĝi en la Asocio, same kiel nun eblas aliĝi al la kongreso, kaj ankaŭ pagi kaj donaci per tiu metodo. HEF malfermis konton en la populara pag-entrepreno PayPal, kaj baldaŭ vi disponos je butono por fari tiel la pagojn en pli komforta maniero.
Profitante ke la venonta numero de Boletín estos la rondcifera 400, ni eksperimente komencos sendi la bultenon per elektronika maniero, en formato pdf, por ke anoj de HEF disponu je ĝi, sen neceso atendi ĝis presado kaj poŝta sendo (kiu ĉiukaze plu konserviĝos por ĉiuj anoj). Por tio ni bezonas disponi je aktualigita retadreso de ĉiuj anoj uzantaj la reton. Se vi suspektas ke vi neniam liveris al ni vian retadreson, aŭ se ĝi ne plu aktualas, bonvolu sendi mesaĝon al admin@esperanto.es kun via preferata adreso.
Diru al ni ĉu vin interesus disponi je adreso kun la domajno @esperanto.es. Kelkaj anoj proponis al la estraro tiun ŝancon, por videbligi nian lingvon. La estraro ja favoras tiun eblon, sed ni ankoraŭ esploras la kondiĉojn, teknikajn kaj praktikajn, kaj ni deziras unue koni la realan intereson de niaj membroj.
Alia decido de la estraro estis la kreado de pli konstanta kanalo de komunikado kun la anoj kaj kun simpatiantoj per la reto. Ni intencas krei novaĵleteron, kiu ne tute regule, sed principe monate, povu informi pri interesaj iniciatoj kiuj havu rilaton kun nia asocio, aŭ ĝenerale kun Esperanto. Sendu al ni viajn ideojn pri tio, kaj ankaŭ la adresojn de aliaj homoj kiuj povus esti interesitaj en tiu iniciato, eĉ se ili ankoraŭ ne estas membroj de HEF.

# La Ret-kinejo de HEF



Kiel sciate, HEF havas ret-kinejon. Fakte, en la interreta ĵargono, oni ne uzas la nomon retkinejo sed "jutuba kanalo".

Nu, jam en la antaŭa numero de Boletín, ni invitis vin spekti la proponitajn filmojn, kaj nun ni volas paroli al vi iom pli pri tiu aparta agado de HEF pere de Interreto.

La ret-kinejo de HEF proponas jam kvardek kvar filmojn. La lasta filmo prezentita estas la unuhora prelego "Tiuj hispanaj esperantistoj de antaŭ la hispana intercivitana milito", kiun nia prezidanto, José Antonio del Barrio, prezentis en la 20a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazinta ĉi-jare en Cambrils.

Krome, la retkinejo proponas kvar proprajn laŭtemajn listojn, tio estas grupojn de filmoj kun pli malpli samtema enhavo, nome "En español" (nur hispanlingvaj filmoj), "Pasintjarcenta agado" (filmoj pri esperanta agado en Hispanio en la 20a jarcento), "70a Hispana Kongreso" kaj "71a Hispana Kongreso" (pri la respektivaj hispanaj kongresoj organizitaj de HEF).





La retkinejo montriĝis bona instrumento por diskonigo de la asocia agado. Ĝi ne nur permesis ke HEF-anoj, ne povantaj partopreni la diversajn aranĝojn de la asocio, ĝuu plurajn erojn el la renkontiĝoj kaj kongresoj, sed ĝi ankaŭ liveris specimenojn de nia agado al tutmonda publiko.

Aparte interesa estas la reakiro de malnova bivbende filmita materialo, kiun oni devis bitigi por savi ĝin el ruiniĝo. Ekzemploj estas la teatraĵo prezentita de BET en hispana kongreso "La kaverno de Salamanko" de Miguel de Cervantes, kaj la "Inaŭguro de la strato Esperanto en Salou".

Do, ni fieru ĉar la nombro de spektadoj kreskas ĉiutage. Laŭ la statistikoj, ĝis novembro okazis dek mil kvarcent spektadoj. La plej spektata filmo estas resumo de la "71a Hispana Kongreso de Esperanto", kiu estis rigardata mil ducent dek kvar fojojn. Cetere, ankaŭ la nombro de aliĝintoj al la ret-kinejo daŭre kreskas kaj nun estas cent dek kvar el plej diversaj landoj.

Ĉiam pli kaj pli, Esperanto fariĝas videbla!

María Zocato Díez

---

# LA GRUPO KAJ MI [i]

Nu, certe vi demandas vin, kion mi faras ĉi-tie. Mi, kiun vi konas ĉefe pro mia laboro en la biblioteko de HEF kaj kiu apenaŭ havas aktivan rilaton al beletro. Kaj vi demandas vin prave. Esence, mi ne estas verkisto. Almenaŭ ne en la senco beletra. Iomete mi flirtis lastatempe kun pentrarto kaj mi elturniĝas multe pli bone per penikoj ol per plumo, sed tio ne tuŝas mian esperantan vivon. Kaj neniam vere mi sentis verkemon. Kial do mi sidas hodiaŭ inter tiom da verkistoj?

Unua kaj tuja respondo estas, ke mi troviĝas hodiaŭ ĉi-tie ĉar Miĉjo tion petis… kaj mi povas nenion nei al Miĉjo… Li petis, malgraŭ mia komenca rezisto, ke mi rakontu ion pri mi kaj mia rilato al la grupo. La afero ne tre facilas. En mia kapo historio ne ordiĝas kronologie kaj probable mi donos al vi nekoheran bildon pri la afero. Nu, mi tamen provu. Kun Miĉjo mi konatiĝis kiam mi estis komencanto, okaze de la kongreso de Gijón de… ĉu 1990? Tiam mi aŭdis de li unuafoje "la prelegon" pri Lorca. Kompreneble, aŭdinte ĝin, mi tuj aliĝis al lia sekvantaro. Ne multe pli poste, li petis de mi partopreni la lirikan feston pretigotan de li omaĝe al Juan Régulo. Mi akceptis.



Kaj tion mi ĉiam konsideris iaspecan inicadon. Mi havis la grandan fortunon, ke ĝuste li gvidis kaj enkondukis min en la esperantan beletron. Kaj verŝajne tion neniam mi povos al li sufiĉe danki.

Al Jorge mi konis unue laŭaŭde. Kiam mi estis komencanto mi ĉeestis kurson en Gresillón kaj tie oni parolis al mi pri interesa hispana junulo, iom polemika, kiu lasas neniun indiferenta. La okazo konatiĝi kun li alvenis poste, antaŭ mi ne scias kiom da jaroj, dum unu el la lundaj vesperoj de MEL en Atocha. Ja ankaŭ ne min li lasis indiferenta. La destino volis, ke kun la tempo, venantaj ambaŭ el tre malsimilaj profesioj, finfine ni laboru kune en la Nacia Biblioteko.

Antonion mi konis en Zaragozo, kiam li loĝis ankoraŭ tie. Iam la zaragozaj esperantistoj invitis la madridajn tagmanĝi en ĉarma restoracio de mi ne plu memoras kiu vilaĝo. De tio mi konservas kaj tre bonajn kaj tre malbonajn memorojn. Tre malbonajn ĉar la bongusta ŝafidaĵo faris malbonon al mia stomako –ĉiam tro delikata, ve!- kaj mi malbonfartis la tutan vesperon… Tre bonajn, ĉar mi konatiĝis tie kun tre interesaj kaj simpatiaj homoj, inter ili Antonio, kun kiu poste mi havis kaj plu havas belan amikrilaton. Kaj kun kiu mi ĝuas de antaŭ pluraj jaroj julajn promenetojn en la mirinda Soria, ĉiam malvarma kaj pura.

fakto, ke mi ne havas profundan rilaton al beletro sendube estas la kaŭzoj. Kaj tamen, Abel talismane legendigis min per sia kartaro! Ĉu ion pli belan mi povintus revi? Ĉiel ajn, mi tre admiras ilian verkistan laboron kaj ĉiam ĝuas la maloftajn okazojn, kiam ni havas la ŝancon renkontiĝi.

Dua respondo povus esti, ke mi troviĝas ĉi tie pro muzeco. Jes, sed ne en la senco, kiun vi imagas! Aŭskultu. Iam Miĉjo spritis dirante, ke mi estas la muzo de la Ibera Skolo. Tiam mi konsideris tion aminda stultaĵo. Kun la tempo la afero iĝis privata ŝerco, kiu publike malkovriĝis dum ĉi kongreso… Tamen, iasence veras, ke muzeco rolas inter ni. Kaj ja la fakto estas, ke mi trovis "muzaron" en la grupanoj. Mi klarigos. En Boletín mi kutimas aperigi artikoletojn ĉefe pri bibliotekaj temoj kaj aliaj movadaj aferoj. Aferoj verŝajne tro fakaj kaj ne tre invitaj al legado, krom se oni interesiĝas pri bibliotekoj kaj rilataj temoj.

Sed iam, jam antaŭ longe, Migeluko proponis, ke mi provu traduki malgrandan tekston de Max Aub. Tion mi faris, kaj li publikigis la rezulton en Boletín kiam li estis ties redaktoro. Instigite de tiu unua sperto, mi provis -nur pro scivolo kaj persona defio- kelkajn aliajn pecetojn de Aub kaj de aliaj aŭtoroj. Ankaŭ okaze de lia omaĝo, mi verkis por Migeluko malgrandan kontribuon al La Deka Logo. En alia okazo, Antonio petis de mi por Boletín recenzon de sia libro "Esperanto, lengua y cultura". Ankaŭ Jorge iam sugestis, ke mi redaktu por Beletra Almanako artikolon pri la Biblioteko Juan Régulo. Kaj fine, Miĉjo proponis al mi verki apendican eseon por la antologio, kiun li pretigas. Ĉion, do, verkitan de mi kun ioma beletra kvalito, mi faris sub la instigo de ĉi tiu mia muzaro.

Sed, finfine, la vera kialo de mia ĉeesto ĉi-tie, dum la festado de la dudekjariĝo de la Ibera Skolo, aŭ la Ibera Grupo, kiel ili preferas nomi sin, estas amikeco. Esperanto donis al mi multajn personajn kontentigojn. En Esperantujo, ekzemple, mi trovis mian parulon. Kaj en Esperantujo mi trovis, inter aliaj, ĉi manplenon de amikoj pri kies sukcesoj kaj atingoj mi ĉiam ĝiskreve fieras.
Mi troviĝas ĉi-tie, do, por festi ilian dudekjariĝon kune kun vi ĉiuj kaj por inviti vin tosti je la sano de la Ibera Skolo.



Ana Manero

---

i Salutvortoj al la grupanoj okaze de ilia dudekjariĝo kadre de la kongresa programero Omaĝo al la Ibera Skolo dum la pasinta Hispana Kongreso en Almagro.
ii http://hdl.handle.net/11013/22

# Mallongige pri HEK

Permesu al mi kelkajn konsiderojn pri nomoj kaj mallongigoj. En la lastaj tempoj ni vivas meze de amaso da sigloj. Ja la hispana esprimo “El siglo de las siglas” (“la jarcento de la sigloj”) de Pedro Salinas vekis al Dámaso Alonso la emon verki kuriozan poemon plendante pri la sigloj “La invasión de las siglas” (“la invado de la sigloj”). En Esperanto kaj Esperantujo same kreskis multe da mallongigoj, sigloj, akronimoj aŭ literaroj (krome de lit-eraroj).

Tiusence, mi ne rezistas la tenton mencii interesan paĝon kie eblas konsulti multe da mallongigoj kaj akronimoj:

http://eo.hades-presse.com/ackr/

Kaj ankaŭ en esperanto:

http://eo.hades-presse.com/ackr/lngv/EO

Dum la organizado de la 72a Hispana Kongreso okazonta en 2013 kaj pensante pri la vortoj uzendaj alvenis duboj pri la preciza maniero identigi la nomon de tia Kongreso. Ni esploris en diversaj dokumentoj laŭlonge de la Historio. Hispane, la esprimo uzata kutime estis “Congreso Español de Esperanto” (foje “Congreso Nacional de Esperanto”). Esperante, la afero ne estis tiel klara. Probable la normala esprimo estas “Hispana Kongreso de Esperanto”. Tamen pensante en la mallongigo, anstataux HKE eble konvenus HEK, tio estas “Hispana Esperanto-Kongreso” (simile al la strukturo de HEF aux UEA). Ja pli prononcebla estas HEK… kaj permesas pli da ebloj por “ludi”. Tiel la “Unua Anonco” estis “Eka Informo pri la proksima HEK”. Kaj tiel, mi povas fini la nunan artikoleton per sonora alvoko: EK al HEK!

*Lorenzo Noguero*

# Mallonge pri Hispana(j) Kongreso(j)

En 2013 okazos en Zaragozo la 72-a Hispana Kongreso. La cifero 72-a koncernas al la oficiala nombrado starigita ekde la Kongreso en 1920 en Barcelono (komence nomata UDKEILO: Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj). La pli oftaj Kongresurboj estis Madrido kaj Valencio (po 6-foje), poste Barcelono (5-foje), Bilbao, Malago kaj Zaragozo (po 4-foje). La 72-a Hispana Kongreso en Zaragozo iĝos la kvina el tiaj kongresoj en la aragona ĉefurbo.

Jen kelkaj praktikaj informoj pri tiu kongreso okazonta en majo de 2013:

Konvenas unue substreki ke la aliĝkotizo inkluzivas nur partoprenon en la Kongreso; loĝado kaj manĝado estas aparta afero (pri kiuj devas okupiĝi rekte ĉiu kongresano). Pri restadejoj, ni menciis la Hotelon Goya (kiu estos la kongresejo). Kompreneble, en Zaragozo ekzistas sufiĉe granda oferto da restadejoj, pli kaj malpli multekostaj. Pri tiuj ebloj ni informos.

Krome, ni ne faris definitivan decidon pri esceptoj al devigo de kotizoj. Ni pensis pri diversaj situacioj: eksterlandanoj, programkontribuantoj, organizantoj, kazoj en malfavora ekonomi-situacio… Tamen, ni konsideris ke aliĝontoj principe devas pagi la kotizon (konforme al tabelo starigita kun kvantoj samaj al tiu de la pasinta kongreso) kaj eble poste (depende de la rezulto de elspezoj kaj enspezoj) ni povus pensi pri repago en esceptaj kazoj.

# Trovu nin en *Europeana*!




Solvinte plurajn teknikajn problemojn kaj kelkajn burokratajn malglataĵojn, pasintan 15an de septembro Hispana Esperanto-Federacio (HEF) subskribis interkonsenton kun la hispana Ministerio pri Edukado, Kulturo kaj Sporto por reguligi la provizon de la metadatenoj de sia Bitoteko al *Europeana*, pere de *Hispana*, kiu mem agadas kiel loka kolektanto de metadatenoj. La interkonsento reguligas ankaŭ la uzadon de la provizitaj metadatenoj far *Europeana* kaj la Ministerio.

El teknika vidpunkto, por adaptiĝi al *Europeana* Bitoteko devis instali la postulatan Specifon pri Semantikaj Europeana-Elementoj (*Europeana Semantic Elements Specification, ESE*), normigi la Unuformajn Risurcajn Identigilojn (URI, *Uniform Resource Identifier*), kaj adopti la licencon *Creative Comons* por garantii la taŭgan mastrumadon de la aŭtorrajtoj.

*Europeana* estas projekto de la Eŭropa Unio por krei publikan eŭropan bitotekon konsistantan el bibliotekaj, muzeaj kaj arĥivaj dokumentoj, oficiale lanĉita la 20an de novembro 2008. Ĝi celas doni aliron al la kultura kaj scienca eŭropa heredaĵo. Por atingi tiun celon, ĝi kolektas, indeksas, riĉigas kaj faras alireblaj la priskribajn metadatenojn de la dokumentoj kiuj konsistigas tiun heredaĵon. *Europeana* estas unika alirpunkto al pli ol 19 milionoj da specimenoj (libroj, pentraĵoj, filmoj, sonregistraĵoj, muzeaĵoj kaj arkivaj dokumentoj) bitigitaj tra Eŭropo. Pli ol 1500 eŭropaj institucioj prizorgantaj kulturan heredaĵon provizas dokumentojn al ĝi. Ilia nombro kaj geografia amplekso daŭre kreskas.

Bitoteko alportas al *Europeana* metadatenojn de dokumentoj devenantaj ne nur el sia propra kolekto, sed ankaŭ el kolektoj de aliaj organizaĵoj, kiel, ekzemple, Esperanto-Fondaĵo Cesar Vanbiervliet, Museu d'Esperanto de Subirats kaj Madrida Esperanto-Liceo. Kaj ĝi restas malferma al aliaj kunlaboremaj institucioj, kondiĉe ke ili plenumu la postulojn pri kvalito al kiu Bitoteko sindevigis.

En la momento verki ĉi artikolon, Bitoteko enhavas 2300 dokumentojn. Konsulti rekte la Bitotekon garantias aliri la plej ĝisdatan datenbankon ĉar la apero de la bitotekaj rikordoj en *Hispana* kaj *Europeana* ne estas aŭtomata. Ambaŭ kolektas la metadatenojn ne ĉiutage, kvankam ja regule kaj sufiĉe ofte. Cetere, ni instalos programeton en la bitoteka retejo, kiun *Europeana* havigas al siaj provizantoj de metadatenoj, ebligantan, per la serĉo farita en la Bitoteko, trovi samtempe la ceterajn taŭgajn rezultojn en la datenbanko de *Europeana*.

La novaĵo pri la aliĝo de Bitoteko al *Europeana* estos publike anoncata la 15an de decembro 2012 (Zamenhof-tago de la jaro kiam Esperanto iĝis 125-jara), kadre de la Simpozio pri la valoro de Esperanto kiel interkultura fenomeno (*Jornada sobre el valor del esperanto como fenómeno intercultural* ), organizita de Madrida Esperanto-Liceo en la madrida Kulturcentro Galileo.

La fakto ke Bitoteko troviĝas en Europeana gravas ĉar ĝi integriĝis en reto pri interŝanĝo de metadatenoj, kiu ebligas strukturi la sciaron pri Esperanto. Cetere, tio ampleksigas la videblecon de nia kulturo kaj prezentas nian lingvon rolanta je la sama nivelo kaj por la samaj celoj ol la ceterajn prestiĝajn kultur-lingvojn.

Ana Manero
Biblioteko Juan Régulo Pérez
Hispana Esperanto-Federacio

Ligiloj:
Bitoteko: http://bitoteko.esperanto.es
Hispana: http://hispana.mcu.es/
Europeana: http://www.europeana.eu
Europeana-provizantoj: http://www.europeana.eu/portal/europeana-providers.html
Specifo pri Semantikaj Europeana-Elementoj: http://pro.europeana.eu/documents/900548/dc80802e-6efb-4127-a98e-c27c95396d57
Creative Commons: http://creativecommons.org

---

i Bitoteko, biblioteko kies dokumentoj prezentiĝas en bita formato, cifereca biblioteko. Bitoteko estas ankaŭ la propra nomo de la bitoteko de Hispana Esperanto-Federacio.
*ii Hispana* estas projekto de la Ministerio pri Edukado, Kulturo kaj Sporto de Hispanio celanta arigi la hispanajn bitkolektojn de arĥivoj, bibliotekoj kaj muzeoj, inter kiuj elstaras la bitotekoj de hispanaj universitatoj kaj de la Aŭtonomaj Komunumoj. *Hispana* plenumas do, je loka nivelo, la samajn funkciojn ol *Europeana* (Vidu la Boletín, n. 397, januaro-marto 2012, p. 12.)

# La lingvo kiel liberigo: Esperanto



La Prezidanto de HEF, maldekstre,prelegante, Foto Urueña

Sub la jena titolo, oni aranĝis en la sidejo de la Sindikato CGT de Burgos, de la 5a ĝis la 9a de novembro, la 11-an Kulturan Liberecan Semajnon. Laŭlonge de la Semajno oni montris per diversaj paneloj la historion de Esperanto, ĉefe, rilate al anarkismo.

La ekspozicio konsistante el dudek paneloj kun tre detala kaj bone dokumentita informoj estis vaste ilustrita, inter tiuj estis la afiŝo de la nunjara Hispana Kongreso de Esperanto okazinta en Almagro (Ciudad Real).

La ekspozicio estis dividita en la jenaj sekcioj: *Enkonduko, Lingvo kaj Komunikado, El Esperanto, Esperanto Historie* kaj *Esperanto nuntempe*.

Kiel komplemento al la ekspozicio, ĉiuvespere estis iu aranĝo, finante vendrede, 9an de novembro, per prelego de la Prezidanto de HEF José Antonio del Barrio, pri la temo: " Estanteco kaj Estonteco de Esperanto".

En sia prelego, li klopodis detrui kelkajn mitojn ekzistantaj rilate al Esperanto, nome, ke ĝi estas lingvo de anarkistoj, ĉar fakte ĝi estas lernata de ĉiu persono, sendepende de ilia ideologio, tendenco, kredo, ktp. Ankaŭ li menciis ke alia mito estas la troa facileco de Esperanto, kvankam ĝia lernado estas pli facila ol la lernado de aliaj lingvoj.

La preleganto montris per bildoj sur ekrano diversajn esperantilojn kiel Pasporta Servo, PIV, Jarlibro de UEA kaj kelkajn revuojn kaj literaturaĵojn, ĉefe de la tiel nomata Ibera Skolo.

Je la fino S-ro del Barrio respondis diversajn demandojn el la ĉeestanta publiko. La aranĝo finis per vortoj de unu el la ĉeforganizantoj, tiu kiu sidas ĉe la tablo apud Toño, dankante al la Prezidanto de HEF pro sia prelego, kiu estis varme aplaŭdata de la ĉeestantaro.

Okaze de la Semajno, la Sindikato CGT eldonis tre interesan kajeron kun komentarioj rilate al Esperanto de kelkaj gravuloj de la CGT kaj detalan informon pri la ekspozicio kun ilustraĵoj.

Jen bona laboro por la disvastigo de Esperanto, ekster la vicoj de la Esperanta movado.

L. Hernández

# KONGRESO DE SAT EN MADRIDO




La venonta kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) okazos venontjare en Madrido, konkrete inter la 28-a de julio kaj la 4-a de aŭgusto 2013.

La kongresejo-loĝejo estos la universitata rezidejo Colegio Mayor San Juan Evangelista, kromnomata la "Johnny", fama pro sia riĉa kaj avangarda kultura aktivado. Ĝi staras apud metroo-stacio kaj bus-haltejo. La loko estas modest-aspekta sed ĝi enhavas ĉion bezonatan, kaj disponigas ĉion senpage (eĉ sporto-ludejojn kaj naĝejon). La salono por prezentadoj (muziko, teatraĵoj, solenaĵoj...) estas aparte alloga, disponanta 450 sidlokojn.

Eblas aliri ĝisdatigitajn informojn per retpaĝo: http://satesperanto.org/-2013-86-madrido-.html **Tie troviĝas ankaŭ la aliĝilo, plus listo de jam aliĝintaj partoprenantoj.**

Oni povas kontakti la Organizan Komitaton en la poŝta adreso: Asociación “Izquierda y Esperanto”, Apartado de correos 8537, ES–28080–Madrid, kaj rete: **esperanto@nodo50.org**.






**Colegio Mayor San Juan Evangelista Madrid**

# KONFERENCO DUM LA ZAMENHOF-TAGO EN MADRIDO

Madrida Esperanto-Liceo organizas nun konferencon por festi la Tagon de Esperanto (ankaŭ nomatan Zamenhof-Tagon) kaj samtempe la 125-an datrevenon de la naskiĝo de la lingvo, por la venonta 15-a de decembro. Ĝia titolo estos "La valoro de Esperanto kiel interkultura fenomeno" ("El valor del esperanto como fenomeno intercultural")

La konferenco disvolviĝos en la Centro Cultural Galileo, dum la tuta tago de la sabato, kaj ĝi estos malferma por la ĝenerala publiko. Dum la mateno la plejmulto el la prelegoj disvolviĝos en la hispana kaj temos pri diversaj aspektoj de la internacia lingvo. Vespere, oni pli celos esperantlingvan publikon, kun ĝeneraltemaj prezentadoj.

**La provizora programo estas sekva:**

**10:30** Presente y perspectivas del esperanto a los 125 años de su aparición, José A. del Barrio.

**11:30** La biblioteca digital de la Federación Española de Esperanto, Ana Manero.

**13:00** El uso del esperanto en la vida familiar, Pedro Hernández Úbeda.

**16:00** (en Esperanto) Komunikado kun eksterteranoj, Manuel Pancorbo.

**17:00** (en Esperanto) Historio de la Ibera Duoninsulo dum la islamana regado, Ricardo Albert.

**18:00** (dulingve) Legado de poemoj (Lectura de poemas), Jorge Camacho.

**19:00** Projekciado de la dokumenta filmo "The universal language", en la angla kun hispanaj subtekstoj, kaj posta kolokvo.

Oni ankoraŭ finpretigas la programon, kiu povos esti riĉigata de aliaj eroj, laŭ sugestoj de partoprenontoj. Krome, MEL organizas komunan tagmanĝon en proksima restoracio, kiu taŭgu por kunmemori la Tagon.

Pliaj detaloj estos diskonigitaj en venonta numero de "Nia Voĉo", kaj en la kutimaj forumoj.

Manuel Parra

## ALIĜILO

72-a HISPANA ESPERANTO-KONGRESO
ZARAGOZO, de 3-a al 5-a de majo 2013

*Plenumu tiun ĉi aliĝilon, kaj komuniku ĝin al la asocio FRATECO en Zaragozo. Oni povas sendi ĝin (aŭ simple la datenojn) per e-mesaĝo al fratecoesperanto@yahoo.es aŭ al fizika adreso de la asocio: Asociación de esperanto FRATECO. Calle Cadena, 20, 1º izda. 50001-Zaragoza (Hispanio)*

PERSONA NOMO .....................................FAMILIA(J) NOMO (J)........................................................
ADRESO .............................................................................................................................
URBO...................................................(.......................................)
LANDO.......................................
RETADRESO...............................................................................................................
TELEFONNUMERO(J) ....................................................................
MEMBRO DE HEF Jes Ne NASKIĜDATO ........................ (nedevige, nur por statistiko aŭ rabato)
ALIAJ RABATOJ...................................
DATO DE PAGO.............................. MANIERO DE PAGO...............................................

KOTIZO.....................................................................
ALIAJ.......................................................................
DONACO...................................................................
SUMO.......................................................................

*Pagu la kotizon en jena bankokonto indikante la tekston "Kongreso" kaj vian nomon en la bankokonto de la Asociación Aragonesa de Esperanto "FRATECO": Ibercaja: 2085 0108 15 01 023865 80 (se vi estas en Hispanio)*
*Por pagi eksterlande bv. uzi jenan kodon: IBAN: ES46 2085 0108 15 01 02386580 // SWIFT: CAZRES2Z*
*(1) La efektiva dato estos tiu de ricevo de pago.*
*(2) Sama rabato estas aplikebla al lernantoj de Esperanto ĉeestantaj kursojn organizitajn de grupoj aligitaj al HEF, komenciĝintajn inter septembro 2012 kaj aprilo 2013.*

| KOTIZOJ | Aliĝo ĝis la 31-a de januaro (1) | De la 1-a de februaro ĝis la 31-a de marto | Post la 31-a de marto kaj surloka aliĝo |
|---|---|---|---|
| Membroj de HEF aŭ Frateco | 35 | 45 | 55 |
| Ne membroj de HEF | 45 | 55 | 65 |
| Juna membro de HEF (malpli ol 30) (2) | 25 | 35 | 45 |
| Junulo nemembranta en HEF (malpli ol 30) | 30 | 40 | 50 |

# VIVU LA TEATRO!
# (II)

***(Ana Manero sursceniĝas. Eksonas la "Valso pri la neĝflokoj", el la baleto "La nuksrompilo", de Ĉajkovski).***

**ANA:** Teatro estas magio. La fakto, ke homo sursceneje rakontas al ni ion kaj sukcesas ravi nin, forkapti nin al la universo de sia rakonto, estas magio. Praepoke, magiistoj kaj ŝamanoj ludis tiun rolon. Tribanoj sidis ĉirkaŭ fajro, sub la luno kaj la steloj, kaj restis kvazaŭ ensorĉitaj de la voĉo de la magiisto kaj de la supernaturaj aventuroj, kiujn li rakontis. Naskiĝis tiel la fantasto kaj la fabelo, kiuj ĉiam kunportu tian magian aŭ poezian flagradon. Fabelojn oni verkas ne nur por infanoj, sed ankaŭ por adoltoj. Ĉar, samkiel ĉiu infano estas latenta adolto, ĉiu adolto portas en si infanon, dum la tuta vivo. Ni plenkreskuloj bezonas dorloti, liberigi, spekti la infanon, kiu nin ĉiam akompanas. Tial ni ŝatas fabelojn. Ĉi-okaze do fabeloj ne povus manki. Mi ne scias, ĉu ĉi tie troviĝas nun iu infano kun infana ekstero, sed mi certas, ke sidas ja infanoj en la interno de la plejmulto el la publiko. Ni lasu ĉiujn ĉi infanojn eksteriĝi. Ni infaniĝu dum kelkaj minutoj kaj ĝuu la teneron kaj la poezion de jam tradicia fabelo: *Bambi*, esperante rekreita de nia amiko Ricardo Felipe Albert Reyna kun la intenco, ke ĝi estu teatre ludata ĉe infanoj:

### *[SCENO NUMERO UNU] BAMBI NASKIĜAS*

*Estis iam, antaŭ longa, longa tempo, granda arbaro. Ĉu vi scias, kio estas arbaro? Imagu: jen estas arbo, kaj jen alia arbo, kaj alia, kaj alia, kaj tiel plu. Multe da arboj: tio estas arbaro.*

*Estis bela vetero en tiu mateno: jam finiĝis la malvarma neĝo de la vintro, kaj la tagoj komencis esti pli longaj kaj pli varmaj. Kaj tiam, tiun matenon, en tiu arbaro, naskiĝis… cervido! Ĉu vi scias, kio estas cervido? Cervido estas filo de cervo: granda, bruna besto de la arbaro, kun longaj kornoj en formo de branĉoj.*

*Ĉiuj bestoj de la arbaro venis por saluti la novan cervidon. Unu el la bestoj, la kuniklo, nomiĝis Tambutambo. Ĉu vi scias, kial la kuniklo nomiĝis Tambutambo? Ĉar ĝi ĉiam tamburadis per sia piedo tiele:* ***tambu, tambu, tambu.*** *Tambutambo, la kuniklo, demandis la panjon de la cervido:* ***Kiel li nomiĝas?*** *Kaj la panjo de la cervido respondis:* ***Li nomiĝas Bambi.***

***[SCENO NUMERO DU] BAMBI KONATIĜAS KUN LA ARBARO***

*Bambi stumblis kaj falis foje kaj refoje, ĝis li sukcesis stari finfine. Lia amiko Tambutambo prezentis al li la aliajn bestojn en la arbaro, kaj ili diradis al li:* ***Saluton, juna princo!***

*En la arbaro estis belkolora insekto, kiu ekflugis ĉirkaŭ Bambi. Tambutambo diris:* ***Ĝi estas papilio.*** *Bambi renkontis poste florojn kaj diris:* ***Papilio.*** *Tambutambo ekridis kaj diris:* ***Ne, Bambi. Tio estas floroj.*** *Inter la floroj estis mefito. Ĉu vi scias kio estas mefito? Mefito estas malgranda besto, blanka kaj nigra, kiu odoras tre malbone. Aĉ! Bambi diris:* ***Floro.*** *Kaj la mefito diris:* ***Se vi volas, mia nomo estu Floro, ĉar ĝi estas tre bela nomo.***

***[SCENO NUMERO TRI] BAMBI KRESKAS***

*Bambi promenadis kun sia panjo en la arbaro ĉiam pli longajn promenadojn. Iun tagon, ili alvenis ĝis la bordo de lago. Li vidis sian bildon en la akvo por la unua fojo. Kaj li vidis apude junan cervidinon. Ŝi diris:* ***Saluton! Mi nomiĝas Falina. Kaj vi?*** *Li diris:* ***Mi nomiĝas Bambi. Saluton!***

*En somero, kiam estas varma vetero, Bambi vizitis la herbejon ekster la arbaro.*
*Tie li konatiĝis kun Princo, la ĉefo de la cervoj. Poste, en aŭtuno, kiam estas pluva vetero, Bambi perdiĝis en la arbaro. Feliĉe, Princo, la ĉefo de la cervoj, trovis lin kaj akompanis lin ĝis lia panjo.*

*Ankoraŭ poste, en vintro, kiam neĝas, Bambi vidis, ke Tambutambo sketas sur glacio. Do li provis, sed li nur falis mallerte.*

*Ankoraŭ en vintro okazis terura afero. Ĉasistoj venis en la arbaron kun siaj pafiloj. Ĉu vi scias kio estas ĉasisto? Ĉasisto estas homo, kiu mortigas liberan beston. Nu, la ĉasistoj komencis celi al la bestoj kaj pafi:* ***paf! paf!*** *Multaj bestoj kuris aŭ flugis for de la ĉasistoj, sed la panjo de Bambi ne povis fuĝi. Do Bambi estis tre malĝoja kaj ploris pro la morto de la panjo.*

***[SCENO NUMERO KVAR] BAMBI VUNDITA***

*Kiam la vintro finiĝis, jen la printempo revenis kun sia bela vetero. Multaj bestoj karesadis unuj la aliajn. La strigo ne ŝatis tion. Ĉu vi scias, kio estas strigo? Strigo estas birdo, kiu ofte sidas sur branĉo de arbo kaj manĝas aliajn bestojn. La du okuloj rigardas antaŭen kaj la kapo povas turniĝi malantaŭen. Ĝi dormas dum la tago kaj maldormas dum la nokto. La strigo diris:* ***Tiaj karesoj estas danĝeraj!*** *Tambutambo kaj Bambi ridis kaj foriris.*



*Tamen, sur la vojo, jen aperis bela mefitino, kaj Floro foriris kun ŝi. Ankaŭ bela kuniklino aperis sur la vojo, kaj Tambutambo foriris kun ŝi. Bambi surpriziĝis, ke liaj amikoj lasas lin sola, ĝis li renkontis sian amikinon Falina. Sed aliaj cervoj volis iri kun Falina. Do Bambi devis lukti kontraŭ ili, ĝis li povis foriri sola kun Falina. Ili alvenis ĝis alta monteto en la arbaro, de kie ili vidis tendaron en la herbejo. Ĉu vi scias, kio estas tendaro? Tendaro estas multe da tendoj por loĝi en la kamparo. Oni muntas kaj malmuntas tendojn facile kaj rapide. En la tendaro estis ĉasistoj kun hundoj. La hundoj diradis: boj! boj! La ĉasistoj iris kun la hundoj por ĉasi aliajn bestojn. La aliaj bestoj komencis forkuri aŭ forflugi. Unu ĉasisto celis al Bambi kaj pafis:* ***paf!*** *La pafo trafis kaj vundis lin, sed Princo, la ĉefo de la cervoj, helpis al li. La tendaro de la ĉasistoj havis ankaŭ fajron. Sed tiu fajro etendiĝis al la arbaro kaj ĉiuj bestoj devis forkuri aŭ forflugi ĝis la alia flanko de la rivero. Ĉu vi scias, kio estas rivero? Rivero estas natura akvo-vojo sur la tero. Princo, la ĉefo de la cervoj, instruis al Bambi kiel vivi en la arbaro. Kaj tiel pasis alia jaro: printempo, somero, aŭtuno kaj vintro.*

***[SCENO NUMERO KVIN] FINO BONA, ĈIO BONA.***

*Kaj en la sekva printempo, kiam la bela vetero revenis, Falina elhavis du belajn cervidojn kun Bambi. Tiam Princo foriris, kaj ekde tiam la aliaj bestoj komencis nomi Bambin "la nova Princo".*

*Kaj jen venis fino al mia latino.*

*Aplaŭdu!* *(daŭrigota)*

**Miguel Fernández**
(**Ricardo Albert Reyna** estas la aŭtoro de la teksto de *Bambi*)

---

# La filino

La patrino naskis
en la hospitalo,
flegistino prenis
belan la bebinon,
ŝin ni tuj redonos,
ŝin al la patrino.
Tagojn poste diris
saĝa kuracisto,
la bebino mortis,
ŝin mallerte manis
iu flegistino.
(Sed neniu montris
frostan kadavreton,
ĉerkon, atestilon).
La filino mortis.
La patrino naskis,
poste, kvar gefilojn,
kiujn sekvis nepoj…
Tamen, jen, surprizo!
Oni nun rakontas
en la televido
ke dum longaj jaroj
simile okazis
al multaj patrinoj.
Bebojn tompe ŝtelis,
rabis, kontrabandis
saĝaj kuracistoj
favore al anoj,
al la potenculoj
de la misreĝimo,
al riĉuloj, sbiroj
de la longeviva
naŭza kaj perfida
generalisimo.
(Tamen, intertempe,
sen suspekto ajna
mortis jam la patro,
ankaŭ la patrino).
Mi do min demandas
ĉu nun ie vivas
fratino pli aĝa
sen kono, sen scio
pri sia deveno,
pri mia ekzisto.

Jorge Camacho

# Pri la 20-a Internacia Esperanto-Semajno Cambrils-2012

Kiel kutime, denove estis renkontiĝo apud la Mediteranea maro danke al la bonega kaj sindonema laboro de la katulanaj amikoj, konataj de ni ĉiuj ( ĉefe: Luis Serrano kaj Salvador Aragay).

La evento okazis en Hotelo "Best Cambrills" inter la 6-a kaj 13-a de Oktobro ĉi-jare. Temas pri kvar-stela hotelo,sufiĉe komforta kaj rilate al manĝaĵo, tre varia kaj ege bongusta.

Post ni, alvenis fermo de tiu hotelo, ĉar estis fino de la turisma periodo ĝis venonta jaro.




La listo de partoprenatoj superis la ciferon 140; la plejmulto hispanoj kaj niaj francaj najbaroj, sed ankaŭ kelkaj homoj el baltaj landoj vizitis nin ( Litovio, Latvio, Svedio).

Ĉiuj prelegoj interesis :

Sr-ino. Barbara Pietrzak (Ĝenerala Sekretarino de UEA ) parolis pri komunikado cele al dialogo pere de Eo; ĉar oni celebras la 125-jariĝo de la Unua Libro en Eo.

La temo de belga paro Michele kaj Hubert estis “Plibonigo de lingvokapablo pere de parolad-preparoj”.

Sro. Gian Carlo Fighiera pritraktis famegan verkon de Viktor Hugo: " La belulino (Esmeralda) , la monstro (Quasimodo) kaj Notre-Dame".

Aldis Buŝs kaj Júrate Buŝine instruis nin pri La Baltaj Landoj kaj ĝia kulturo.






Germano Manfre Sona preparis temon kaj debaton pri alia nova ekonomia sistemo, multe pli ĝusta kaj civitanema: "La baza enspezo Senkondiĉa",pri la enhavo oni povas serĉi informon en Vikipedio.

Kaj je la fino, nia karega prezidando de H.E.F. sro. José Antonio del Barrio venis por saluti nin ĉiujn . Toño parolis pri famaj hispanaj esperantistoj de la unua duon-periodo en la pasinta jarcento.

Aparte menciindas la instruada laborego de nia entuziasma, simpatia kaj ĉarmega Rodica Todor el Rumanio. Ŝi estis brila juvelo en ĉi-kultura semajno, kaj la agrabla rezulto de nia renkontiĝo multe ŝuldas al ŝi.

Se klerigado abundis, ekskursado ne mankis.

Mi partoprenis ekskurson al la fama kaj trafe zorgita "Esperanto Muzeo", al la planetario de Castellón, kaj al farmo-domo de samideano Sro Conejero por gustumi paeljon kaj rigardi sian ĝardenon. El ĉiuj, la plej interesa por mi, estis la ekskurso al Monaĥejo de Escornalbou.



Ĉi-jare, drinkado de la jam kutima "kremat" estis iomete malhelpata pro la bruego en la danc-salono de la hotelo.

Fakte, tiu forta bruo ĉiutage ĝenis nin post la 9-horo nokte; malpermesante trankvilan babiladon, sed kompreneble, tio ne dependis de niaj organizantoj.

Mi esperas ke ni renkontiĝu venontanjare,

el Cambrills , resumis :


Angel Garcia G. ( Kantabra Eo Asocio)

# LA HANOJA UNIVERSALA KONGRESO

Unu el la plej interesaj spertoj kiujn ni havis en nia esperantista vivo estis nia partopreno en la 97-a Universala Kongreso okazinta en julio ĉijare, en Hanojo (Vjetnamio). Vere por ni estas la dua fojo en kiu ni vizitis Azion, ĉar fakte ni jam partoprenis la UK-on en Seulo (Koreio) en 1994.



Internacia esperantistaro (foto L. Hernan-

Ni ekvoĝaĝis, per flugo de Madrido al Parizo, kaj poste Parizo-Hanojo, rekte. Mia unua impreso kiam ni eliris de la Hanoja fluĝaveno estis varmo, amasa nombro da motorcikloj kaj poluado. Fine ni atingis nian Meliá Hotelon, kiu estis samtempe nia loĝejo kaj kongresejo.

La 28-an de julio, ni jam salutis multajn konatulojn, faris fotojn kun ili kaj eĉ ni jam eliris vidante la Katedralon kaj aliajn interesajn aspektojn de Hanojo. Vespere, mi partoprenis la Movadan Foiron, prezentante al la multaj kongresanoj kiuj eniris, trakuris kaj babilis, la Esperantan Jura-Asocion, per unu el la multaj tabloj pretigataj por la evento, sur kiu mi prezentis la revuon "Jura Tribuno Internacia". Dimanĉe, 29-an okazis la Solena Inaŭguro, en Salono Zamenhof, fore de la kongresejo, en universitata fakultato. Post dancado de vjetnamaj gejunuloj, la Prezidanto de UEA, S-ro Probal Dasgupta, prezentis la podianojn kaj poste okazis la bonveniga saluto de la Vicprezidantino de Vjetnamio, S-ino Nguyen Thi Doan. Sekvis la lego de mesaĝo de L. Zaleski-Zamenhof, prezento de novaj honoraj membroj kaj poste UEA ricevis Amikecan Medalon de la Socialisma Respubliko Vjetnamio.

Post salutmesaĝo al la kongresanoj fare de la Prezidanto de UEA, S-ro Mark Fettes parolis pri la kongresa temo *"Esperanto ponto al paco, amikeco kaj disvolviĝo"*, invitante la ĉeestantojn partopreni la kunsidojn pri tiu temo. Post diversaj salutoj, inter kiuj, la reprezentantoj de 60 landoj, oni kantis *La Espero* kiel fina punkto de tiu solena programero.

Vespere, mia edzo kaj mi partoprenis ekskurson tra la urbo, per kiu ni vizitis la tre interesan Etnografian Muzeon, kaj poste, per tipa bicikla transportilo, ĉiuj la ekskursantoj trarigardis la centron de la urbo, ĉirkaŭante la grandan lagon. La ekskurso finiĝis per ĉeesto al la fama Subakva Pupteatro, kie ni vidis belan pupteatran spektaklon spektaklon dum orkestro kaj kantistinoj ludis kaj kantis.

Ni finis la tagon irante per senpaga buso al la Salono Zamenhof ( en Fakultato) por vidi la Nacian Vesperon, kie ni ĝuis la belkolorakan tipe vietnamajn dancojn kaj belegajn vestaĵojn. Diversaj prelegoj ene de la "Kleriga lundo" estis tre interesaj, kaj ĉefe tiu de la Kongresa temo. Mia edzo kaj mi partoprenis la bankedon, kiu tre plaĉis al ni, ĉar vere estis tipa vjetnamaj manĝaĵoj, malgraŭ la fakto ke ni malbone sciis uzi la bastonetojn.Marde la 31-an ni matene ekskursis. La unua vizito estis al impona maŭzoleo de Ho-

Ĉi-Min, situata en granda spaco apud ĝardenoj. Poste ni vidis la lignan simplan duetaĝan domon de la t.n. "onklo Ho", kie li vivis kaj laboris de 1954 ĝis 1958, kiu estas ĉirkaŭata de lago kun fiŝoj kaj bela arbaro. De tie ni iris al la unukolona pagodo, de 11-a jarcento kaj buse denove al Templo de la Literaturo, la plej malnova reĝa universitato de Vjetnamio, kie ni estis ravitaj per la kvin kortoj, temploj kaj statuoj, kiu ege plaĉis al ni. Denove buse al ruĝkolora ponto sur la lago Hoánkiem. Malfeliĉe tiu mateno ege pluvis kaj ni revenis al hotelo tute malsekaj.



Vespere, ni iris al akcepto-festo de Societo Zamenhof, kiu ĉijare ne estis tre amuza, ĉar la loko elektita ne estis taŭga por babili inter ni kaj ĝui bonan etoson.

Merkrede, ni ekskursis, kaj post longa veturado ni atingis Halong Golfon, post du haltoj survoje, unu en keramikaĵa entrepreno kaj alia butiko kie oni montris al ni la fabrikproceduron de perloj de Halong golfeto.

Per ŝipo, ni povis ĝui vidante, ĉifoje kun bela suno, la mirindaĵojn de tiu golfo, natura heredaĵo de la homaro, laŭ Unesko.

En la ŝipo ni tagmanĝis, ĉe nia tablo akompanis nin japana familio, kaj poste ni ĉiuj elŝipiĝis kaj eniris en groton situanta sub la golfo, ege interesa interne. Ni daŭrigis la voĝaĵon per ŝipo, ĝis la momento kiam subita stormo venis kiam ni forlasis la ŝipon. Buse reen al Hanojo. Vere ĝi estis ege interesa ekskurso.

Jaŭde, 2-an de aŭgusto, ni partoprenis diversajn kunsidojn, ĉefe pri la kongresa temo, kaj mi mem gvidis nian kunsidon de juristoj. Vespere ni estis invititaj kune kun multaj aliaj kongresanoj al akcepto-festo de la Urbokonsilantaro, okazinta en Hotelo Deawoo. Enirante en la grandan salonon, ni tuj konsciis pri la preparitaj tabloj por vespermanĝi.




Vjetnamaj dancoj kaj kantoj bonvenigis nin en la Urbodoma

Bela muziko kaj kantoj de belulinoj, vestitaj per vietnamaj roboj, akceptis nin, antaŭ ol la bonvenigaj vortoj de Vicurbestrino de Hanojo kaj de la Prezidanto de UEA. Sekvis bonega vietnama vespermanĝo, kaj la plej

Estis ankaŭ bela spektaklo la Internacia Arta Vespero, kie partoprenis multaj samideanoj per diversaj artaĵoj.
Kompreneble multaj aliaj interesaj prelegoj, prezentoj, muzikaĵoj, aŭkcio ktp okazis, kaj eĉ ni havis okazon vidi prezentadon de tipaj kaj belaj vjetnamaj roboj.
La kongreso finis per la Solena Fermo kaj krom la ferma saluto de la Prezidanto, oni legis la kongresan rezolucion. La esperanta himno montris ke la UK finiĝis kaj ni devis adiaŭi niajn amikojn kaj konatulojn, ĝis venonta renkontiĝo ie.

M..R.Urueña

# 9-A EŬROPA ESPERANTO KONGRESO

Por okazigi la Kongreson de Eŭropa Esperanto Unio, oni elektis kiel kongreslokon la irlanda urbo Galway (Galivo). Tie kunvenis 157 partoprenantoj, el 28 landoj, de la 16ª ĝis la 20ª de julio.Antaŭ la komenco, oni proponis al la partoprenantoj dutagan antaŭkongreson en la ĉefurbo Dublino.

Pro la fakto ke ĝi estis nia unua vizito al Irlando, ni kaptis la okazon iomete koni la ĉefurbon. Tiucele, la 14-an de julio, ni flugis de Madrido al Dublino, en kies fluĝaveno atendis nin sinjoro de la turisma agentejo kiu aranĝis la kongreson, kaj montris al ni la taŭgan buson por iri al la hotelo, kiu estis la elektita loko por tranokti la kongresanoj.

Je la 7,30 p. t. m., laŭ irlanda horaro, ni estis en la halo, kie ni renkontiĝis kun aliaj esperantistoj, kelkaj jam konataj de ni, pro nia partopreno en antaŭaj kongresoj kaj renkontiĝoj.


Junulino dancante tipe irlandan dancon (foto Urueña)

Per buso ni iris ĝis hotelo Arlington, en kies granda kelo, plenplena de homoj, ni vespermanĝis, ĝuante, samtempe, la riĉecon kaj variecon de la irlanda folkloro.
La sekvan tagon, buse ni iris al Powerscout kie ni vidis la italan kaj japanan ĝardenojn kaj tagmanĝis en ties restoracio. De tie, la buso kondukis nin ĝis Glendabough kie ni vidis la ruinojn de la katedralo kaj preĝejoj de Sankta Kevin-o kaj plurajn keltajn tombojn.
Je la 4-a p. t. m. ni revenis al la hotelo, sed estante, laŭ la hispana kutimo, iom frue kaj ne havante iom programita, ni decidis profiti la “inviton “ de la busŝoforo por iri al la centro de Dublino, por iom koni ĝin, ĉar ne estis programita vizito al la irlanda ĉefurbo.
La 16an ni faris busan vojaĝon al Galivo haltante ĉe viskiadestilejo, kiu estas laplej antikva de la tuta Irlando.

Post alveni al la hotelo Ardilaŭn, kiu samtempe estis kongresejo kaj restadejo, okazis la Solena Inaŭguro kun ĉeesto de la urbestrino de la urbo, Terry O'Flaherty. Post bonvenigaj salutvortoj de la Prezidanto de EEU Sean O Riain, prelegis D-ro Renato Corsetti pri 125 jaroj de Esperanto.

Vespere, ni havis okazon partopreni en la Nacia Vespero, kie famaj irlandaj artistoj ludis kaj dancis tipe irlandajn dancojn kaj kantojn.

La 17an, denove prelegis D-ro Corsetti, ĉifoje pri la propedeŭtika valoro de Esperanto kaj sekvis prelegon, irlandlingve, fare de komisiito pri lingvoj, kiu parolis pri lingvoj en Irlando kaj la laboro de la comisito pri lingvoj kun esperanta traduko disdonita surpare al la ĉeestantoj.

Je la 1-a p. t. m., piedirante pli ol kilometro kaj duono, ni atingis la centron de la urbo, kiun ni vizitis gvidate de oficiala turisma gvidanto, kies klarigoj tradukis al Esperanto irlanda samideano. La vizito komencis apud la Hispana Arko, kie oni klarigis al ni la historion de la urbo, sekve per piedira strato kun tipaj kaj malnovaj domoj ni atingis la luteranan preĝejon Sankta Nikolao. Fine post ol trapasi ponton, ni vizitis la katedralon.

Vespere, ni ĉeestis amuzan spektaklon prezentita de G. Handzlik, titolita Kabaredo.

La sekvantan tagon, 18an, ni decidis persone trakuri Galivon kaj vespere ni aŭdis kantojn de Handzlik kaj Jomo.

Alian interesan prelegon pri Esperanto kaj Vikipedio, ni aŭdis la 19an en malgranda salono. Poste en la ĉefsalono, S-ro Tišljar kaptis la atenton de la aŭskultantaro per prelego pri Tibor Sekelj

Ankaŭ ni partoprenis en la kunsido de Eŭropa E-Unio, kie oni informis pri la realigita laboro, kaj pri la venonta Kongreso de EEŬ okazonta en Nitra (Slovakio). Oni klarigis la agadon rilate la eŭropan popoliniciaton pri la teksto de la Eŭropa Himno kaj la agado en multlingvisma platformo de neregistaraj organizoj starigita de Eŭropa Komisiono.

La kongreso kun partopreno de 157 personoj el 28 landoj, havis kiel kongresan temon "Lingvolernado en EU: lerni pli, kosti malpli" kaj je la fino oni akceptis rezolucion direktota ĉefe al la irlandaj aŭtoritatoj.



Sro Tišljar demandante (foto Urueña)

# ESEO PRI UNU EL LA PLEJ ELSTARAJ UNIVERSALAJ PENTRISTOJ

Ŝajnas kvazaŭ kultura devo, elvoki de tempo al tempo, la figurojn plej elstarajn de pentroarto, beletro kaj poezio. Mi havis, de ĉiam, fanatikan inklinon por la granda aragona pentristo Francisco de Goya, jen kial kiam mi vizitis la grandajn muzeojn de gravaj urboj unu el miaj plej persistaj deziroj estis kontempli la pentraĵojn de tiu grava pentristo, kaj kiam mi elkloĝis en Zaragozo eĉ viziti la vilaĝon kie li naskiĝis, Fuendetodos…

En la muzeoj mi admiris plian fojon tiun majstrecon aperintaj en liaj pentrajoj Las Majas (La belulinoj), aŭ la magion de liaj klaroskuroj kaj vermeiljonoj, kaj plej ofte mi sentis min kaptitan de la mistero kaj sorĉo de La Kapricoj, kolekto de stravagancaj desegnoj, sen atento al iu ajn arta regulo aŭ logiko, pro kies uzo Goya estis denuncita antaŭ la Inkvizicia tribunalo, same kiel jam okazis kiam li pentris Las Majas, sed ni delasu la temon pri la arto de Goya kaj prefere, ĉi-foje, ni atentu aspektojn pri la homaj viveroj de tiu granda artisto, ja la bibliografio pri lia arto estas abunda:

Francisco de Goya y Lucientes naskiĝis en Fuendetodos, vilaĝo tre proksima al Zaragozo, kie loĝis la geedzoj Goya kiam naskiĝis Francisco. Antaŭ kelkaj jaroj mi vizitis la domon kie naskiĝis kaj loĝis siaj unuaj jaroj la infano. Ĝi estis la domo de malriĉa kamparano, simile kiel al ceteraj de la ruraj loĝantoj. La domo-muroj estas ŝtonaj, kun malgrandaj fenestroj, same kiel tiuj kiujn oni konstruis en tiu epoko en loko kie la klimato estas tre rigora. La mebloj kaj iloj ene de la domo estas iom pli ol modestaj, nun ni dirus mizerajn.

Post tiuj unuaj jaroj, la familio Goya translokiĝis al Zaragozo, kie ili instalis atelieron por orkoloraj aranĝoj, kio ebligis al la juna Francisco iomete praktiki elementalan arton, sed kiel ido de ne malriĉa familio li devis lerni metion, li do eniris en pentrolaborejon de José Luzán (1710-1785), grava zaragoza pentristo, kiu, laŭ deklaro de la propra Goya: "oni lernigis al mi la pentroteknikon, devigante min kopii dum kvar jaroj multajn gravuraĵojn ekzistintaj en la laborejo Luzán". Tiu lernado multe influis en lia formiĝo kiel artisto, ja li lernis desegni sur la kopioj de gravuraĵoj kaj tio multe influis en sia artista evoluo kaj tiam jam komencis desegni siajn unuajn proprajn pentraĵojn.

La juna Francisco estis petolema ulo, tre inklina al ŝercado inter siaj amikoj kaj speciale amindumema al fraŭlinoj, kvankam sen troigi tiujn inklinojn kiel asertas kelkaj kritikistoj.

Profesie li pentris en aragonaj preĝejoj (Muel, Remolinos k.a.) surmurajn pentraĵojn, kiuj montras la sensperton de artisto sed kun promesplenaj detaloj.

Kiam Goya estis 25-jara, li forveturis al Italio, kie li studadis la barokan romanan stilon kaj la freskoartan teknikon, kies scio donis al li la sufiĉan kuraĝon por partopreni en plej prestiĝaj artaj konkursoj, inter aliaj li konkursis en tiu organizita de la Akademio de Parma per la pentraĵo "Anibal sur Alpoj" (nun malaperinta) kiu ricevis honoran mencion.

Post lia reveno el Italio li daŭre pentradis en aragonaj preĝejoj, sed li volis superi sin en la propra arto kaj fakte ambiciis multe pli, tial li serĉis laborejon en Madrido, Fine li atingis daŭre loĝi en la ĉefurbo kaj en la jaro 1773, Goya edziĝis kun Josefa Bayeu, fratino de la famaj aragonaj pentristoj Francisco, Ramón kaj Manuel Bayeu, kaj per influo de siaj bofratoj li eklaboris en la Reĝa Fabriko de Tapiŝoj, kie li dislvolvis gravan aktivadon: de 1775 ĝis 1792 li pentris en tiu fabriko multajn modelojn sur dika papero, kartono aŭ tolo por tapiŝoj aŭ freskoj.

En 1780 oni elektis lin membron de la Akademio San Fernando: la arto de Goya evoluis al plej perfekta esprimoriĉo kaj dum 1792/93 Goya grave malsanis, kaj kiel rezulto de tiu malsano li restis tute surda. Tiu fizika difekto acidigis lian temperamenton, sed samtempe riĉigis lian internan vivon de la artisto impulsante lian imagon al fantazia mondo, kiu ebligis lian kreadon de pentraĵoj kiel tiu nomata La Kapricoj…

En la jaro 1823 finiĝis en Hispanio la periodo politike nomata "konstitucia", kaj la reĝo Ferdinando la 7a okupis la tronon diktatorece, tio estis interpretita de militistoj kaj reakciuloj kiel oportuna momento por komenciĝo de mortpersekutoj kontraŭ liberaluloj kaj progresemaj civitanoj. Goya sentis certan maltrakviliĝon pro la situacio de nia lando, kaj eĉ sin sentis persekutata, estis pro tio ke li serĉis rifuĝon, unue ĉe liberala pastro, kaj tuj post agreso-periodo li petis oficialan permeson en la jaro 1824 por vojaĝi al Francio: li vizitis Parizon kaj post tio decidis loĝi en Bordozo, memvole ekzilita.

De tiu momento li arde laboris pentrante multnombrajn pentraĵojn, kiuj multe famigis lin, en ili li esprimis ĉion kion al li priokupis, kiel tiuj pri la milito, aŭ tiuj de famaj personoj, ankaŭ tiujn kun karaktero kapricema tre originalaj. Mencii eĉ la plej famaj okupus multajn paĝojn. Li pentradis ĝis sia forpaso en Bordozo la jaron 1828, jam 82-jara.

La prestiĝa poeto Ruben Darío, kiu tiom admiris la aragonan artiston, dediĉis al li jenan poemon:

# Al la aragona pentristo Francisco de Goya

*************

Por vi, genia hom' tre kara
mi uzas belajn vortojn laŭdajn!
Por vi, vizia artist' plej fama!

Por vi, kun artpaleto maga,
kaprice rava kaj impeta
de ĉiuj gepoetoj amata:

pro viaj tenebrskizoj svagaj,
la vermiljonoj kaj la nigroj
kaj la helradioj lume blankaj!

Pro viaj freskoj admirataj,
fanfaronuloj pitoreskaj,
dantesk-koloroj riĉohavaj!
ĉar vi prezentas sorĉon artan
jen bebon kun blondbukloj oraj
aŭ taŭron de lertul' ludata!

kaj kun toreadoro brava,
infanton, nobelkavaliron,
mantilojn kun belfloroj ĉarmaj…

Per man' freneza inspirhava
vi pentras sorĉajn siluetojn
en ombroj grizaj envolvatajn.

Vi kaptis la abrakadabra-n (*)
de korna kaprinkrur-diablo,
kiam makabre ĝi grimacas.
Fantom', meduz', anĝel' blanka,
konfuza lum' inspir' fiera
aperas via Muzo rava…

Via peniko miras gapa,
per klaroj, kiuj ja delektas,
jen per grizombroj sonvibrantaj

per belaj damoj tipvestataj,
la brilaj reĝoj, uloj povraj
kaj kristoj miensuferantaj...

En viaj klarobskur' kabala
vibras horor' de peza sonĝo
kaj mortiĝantaj lumoj flavaj,
montras la dianĝeloj blankaj
terurajn fimurdist-okulojn
en inaj belvizaĝoj infanaj...

Viaj kapric-esprimoj gajaj
miksas al nigr' de frida nokto
la helojn de taglumo klara.

Tiel mirinde grave altas:
via pentraĵo elkrepuska,
alloga, brila, senegala…

Tion konvinke disproklamas:
San Antonio (**) per la freskoj,
kaj la demonojn okulfrapajn!

Rubén Darío.




La arto, la gloro kaj la prestiĝo de la genia artisto de Fuendetodos, Francisco de Goya y Lucientes, tute ne kadukas kun la forpaso de la tempo!

**Antonio Marco Botella**

---

(*) abrakadabra: kabala vorto greka, al kiu atribuis en la antikveco magiajn virtojn. Oni devis skribi la literojn "abrakadabra" triangulforme, tiamaniere ke ĝi estu legebla laŭ pluraj direktoj. Nun oni uzas ĝin por esprimi ion konfuzan, surprizan aŭ ĝojigan.

(**) La poeto aludas la freskojn de ermitejo de Madrido nomata "San Antonio", pentritajn de Goya.

**Hispana Esperanto-Federacio**
Rodríguez San Pedro 13 3º-7 ES-28015 Madrid · Tel (+34) 914 468 079
www.esperanto.es · retpoŝto: admin@esperanto.es
Fiska identiga numero (CIF): G47026356

Membriĝo aŭ renovigo por la jaro
**2013**

**Personaj informoj**

Bonvolu skribi majuskle.

| | | |
|---|---|---|
| Persona nomo: | | Nur por renovigoj |
| Familia(j) nomo(j): | | Membra numero: |
| Poŝta adreso: | | |
| Poŝtkodo: | Urbo: | Identiga numero: |
| Telefonnumero(j) | | |
| Retadreso: | | Naskiĝdato: |

**Membrokategorio**

Ĉiuj membroj ricevas la asocian bultenon ("Boletín"), 4 numerojn jare.

Marku per X la elektitan kategorion:

| Kategorioj | | Euro | X |
|---|---|---|---|
| OM | Ordinara membro | 32,00 | |
| KM | Kolektiva membro | 64,00 | |
| PM | Protektanta membro | 64,00 | |

**Pagmaniero:**

- ☐ Pagado (kompletigu la malsupran formularon; en la hispana).
- ☐ Pago per la bankokonto de HEF 0182-1252-31-0204011961 de banko BBVA (havigu atestilon).
- ☐ Pago per la konto hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (havigu atestilon).
- ☐ Pago kontanta en la asocia oficejo.

Dato: Subskribo:

Laŭ la hispana Leĝo pri datumprotektado (Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal), Hispana Esperanto-Federacio informas vin ke viaj datumoj estos aldonitaj al bita datumbazo, propra de HEF, kiun nia asocio utiligos nur por internaj celoj aŭ kun rilato al Esperanto. Per la subskribo de tiu ĉi dokumento, vi permesas tiun ĉi utiligadon. HEF ne donos viajn datumojn al eksteraj organizajoj, krom pro leĝaj kialoj. Vi povas aliri la informojn, kaj modifi aŭ forigi ilin, per mesaĝo al FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

En cumplimiento de la Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal, le informamos que sus datos están incorporados en un fichero digital propiedad de la FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO (FEE), cuyo uso es exclusivamente para gestiones internas propias de la FEE, así como para el envío de publicaciones e informaciones relacionadas con el esperanto. Con la firma de este documento, consiente expresamente este uso de sus datos. Le informamos además, que la FEE no cederá estos datos a terceros salvo lo que marque la ley en materia de información a las Administraciones Públicas, y que puede ejercer sus derechos de acceso, rectificación, cancelación y/u oposición, previstos en la citada Ley, dirigiendo un escrito a FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

| | |
|---|---|
| Titular de la cuenta: | |
| Banco o caja: | |
| Dirección de la oficina bancaria: | |
| Código postal: | Localidad: |

C.C.C.: entidad | sucursal | D.C. | cuenta

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Firma del titular: